


N-ro 22 15.9.1972 kvara jaro, n-ro 4

## DANKON KAJ PARDONPETON

mi ŝuldas al la membroj de AREK kunlige kun la apero de ĉi tiu bulteno. Dankon, ĉar mi sola tute ne estus povinta redakti ĝin sen la helpo, la informojn, la dokumentojn senditaj de la AREK-anoj (mi aparte deziras mencii sinjorojn SIMON, BIELAK, PAULSSON, MAYER, STRONNE; sed ĝenerale, preskaŭ ĉiuj AREK-anoj kontaktis kun mi). Ankaŭ estonte, mi esperas daŭre ricevi tian subtenon!

Pardonpeton mi ŝuldas, pro la malfrua apero de la gazeto; sed; mi petas, ke oni bonvolu kompreni mian malfacilan situacion, pro la granda amaso da farotaj aferoj, ĉu profesie, ĉu familie, ĉu en la esperanto-movado, ĉu en la filatela sektoro. Mi esperas, tamen, ke la malfrua apero de tiu-ĉi numero estu ekvilibrigita de pli ĝisdataj informoj pri la E-kolektinflaĵoj, kiuj (kiel oni povas konstati legante la sekvajn paĝojn) aperis lastatempe en vere escepta kvanto!

Laste, sed grave, bonvolu pardoni la preseraroj n: pro la urĝo, mi eĉ ne povas korekti tiujn, kiujn mi ekvidis! Antonio DE SALVO, Via Olbia 15, ROMA/It.

## PRI LA "POŜTECO" DE KELKAJ E-STAMPOJ

En la pasinta numero de "Fenikso" mi starigis demandon pri la efektiva "poŝteco" de la apudstampo uzita en Lugano (Svislando) dum la ĉi-jara kongreso de IFEF.

Nun pro la komplezemo de nia membro Werner SIMON el Memphis, Usono, mi povas sciigi la legantojn, ke tiu stampo estas tute poŝta. Jen traduko de la oficiala anonco, aperinta itallingve en la svisa poŝta gazeto:

"La 24-a Internacia Kongreso de la esperantistaj fervojistoj okazas en Lugano de la 6-a ĝis la 12-a de majo 1972-a. De la 8-a ĝis la 10-a de majo, la Poŝta Instanco funkciigas aŭtomobilan poŝtoficejon en "Paviljono Conza" (kongresejo - N.D.R.). La poŝtaj sendaĵoj - registritaj kaj neregistritaj korespondaĵoj - tie enpoŝtigitaj estas stampitaj per la datstampo de la poŝtoficejo 6900 LUGANO 1 kaj estas krome provizitaj per bildo de la aldona stampo reproduktita ĉi-supre, kiu koncernas la aranĝon".

Temas, do, pri aŭtomobila poŝtoficejo, kiu (aldonas en sia klarigo s-ro Simon) ĉiam uzas nur apudstampon, kiel cetere jam okazis en Bern 1939, Bern 1947 kaj Zürich 1955, kiuj ankaŭ estis nuraj apudstampoj, sed tamen tute poŝtaj.

Koncerne aliajn stampojn, kontraŭe, ni devas atentigi, ke temas pri neoficialaĵoj.

Ekzemple, estas tute nepoŝta la apudstampo uzita ĉi-jare en Antverpeno (Belgujo) okaze de la Internacia Esperanto Kongreso. Tion esplicite konfirmis al mi unu el la organizintoj, s-ro PAESMANS, kiu skribis: "La stampo ne estas oficiala sed kiel rememoro de la kongreso. Ni ne ricevis la permeson por ĝi, ĉar pro la apero de la eŭropaj poŝtmarkoj oni ne povis

uzi alian stampon por la esperanto-kongreso".

Ankaù la stampo de Camagüey 1964 (Kubo) ne estas oficiala, kiel mi ĉiam supozis, cetere, kaj kiel nun konfirmis al mi s-ro Simon, surbaze de informoj atingitaj rekte en Camagüey. Oni devus, do, tutsimple forstreki Kubon el la Ŝtatoj, kiuj aperigis esperanto-stampojn.

Same, s-ro Rudolf BURMEISTER el Karl-Marx-Stadt (GDR) atentigas, ke la polaj stampoj kun kolorvariantoj estas neoficialaj, kiel ankaù estas neoficiala la stampo en nigra koloro de ABALIGET 1970 (Hungarujo).

Same neoficiala estas la verdkolora stampo ROMA 1950, kiu devenas el misuzo de oficiala stampilo, sen rajte uzita kun neoficiala ink-kuseno.

La nombro de tiuj "ne-oficialaĵoj" estas tiom granda (kaj eĉ kreskanta, precipe dank'al la sopiro de kelkaj kolektantoj akiri "unikaĵojn"), ke miaopinie oni devus urĝe solvi la problemon, kian valoron atribui al tiuj privataj aĵoj. Persone, mi estas konvinkita, ke ili estas ne nur senvaloraj, sed eĉ ĝenaj, ĉar ili kontribuas je atmosfero de malkonfido kaj suspektemo koncerne la poŝtecon de la esperanto-stampoj kaj la seriozeco de ties kolektantoj. Cetere, ankaù el morala vidpunkto, ŝajnas al mi neĝuste kaj neoportune, ke oni akceptu (kaj, iusence, eĉ nutru kaj favoru) spekulacion flanke de ruzaj homoj, kiuj cirkuligas neoficialaĵojn prisilentante ilian efektivan karakteron, kaj eĉ prezentante ilin kiel esceptaĵojn aparte valorajn.

La problemon fariĝas delikate precipe kiam la stampilo en si mem estas oficiala kaj poŝta, sed neoficiala estas ĝia konkreta uzado: ekzemple, ĉar oni uzas neaprobitajn ink-kusenojn (tiel kreante fantaziajn kolorvariantojn: vidu la cititan ROMA 1950), aù oni uzas oficialan stampilon dum ne antaùviditaj tagoj (ekzemple, mi posedas stampojn de OLSZTYN 1965 - semajno de inter

nacia korespondado - kun la fantazia dato 15.10.1965), aŭ eĉ, per vera trompo, oni reproduktas malnovajn kaj multkostajn stampojn, utiligante tamen la originalajn stampilojn (evidente disponigitajn de malhonesta gardanto).

Persone, mi opinias, ke indas esti kolektataj nur tiuj filatelaĵoj, kiuj efektive eniris poŝtan cirkuladon, aŭ kiuj estus rajtintaj eniri ĝin; sed mi konscias, ke aliaj kolektantoj havas malsimilan starpunkton, kaj asertas, ke grave estas nur ke la stampilo en si mem estu oficiala, sendepende de la oficialeco de ĝia konkreta uzado. Kion opinias pri tio la legantoj?

Antonio DE SALVO, Roma (Italujo)

## NOVA MEMBRO

Kun ĝojo ni bonvenigas novan membron nr 52: Prof. d-ro Richard E. WOOD, Dept. of Foreign Languages, Louisiana State University, BATON ROUGE, La. 70803, Usono.

Prof. WOOD kolektas esperantajn poŝtstampojn kaj poŝtmarkojn. Li volonte aĉetus poŝtstampojn, precipe malnovajn, kaj povas liveri grandan kvanton da stampoj de Portland.

## NOVA KOTIZO POR 1973-A

Kun bedaŭro ni devas anonci, ke la kotizo por venonta jaro plialtiĝos al 8 internaciaj respondkuponoj, pro la konsiderinda altiĝo de ĉiuj kostoj, kaj precipe pro la malfacilaĵoj nuntempe travivataj de la "Stampa Banko", kiu pro diversaj kaŭzoj (precipe pro kelkaj doganaj konfiskoj aŭ resendoj de materialo) ĉijare ne sukcesis doni la kutiman bonhavon.

Por la pago de la kotizo validas la adreso de s-ro Ivar PAULSSON, Alg.3, S-171 33 SOLNA (Svedujo).

## NOVAJ STAMPOJ 1972 (daŭrigo)

N.B.: la datoj inter parentezoj koncernas ne la daŭron de la aranĝo, sed la tagojn, kiuj aperas en la ekzempleroj de mi posedataj. Mi estos tre dankema al tiuj, kiuj bonvolos havigi kompletigojn, korektojn kaj detalojn al mia adreso: d-ro Antonio DE SALVO, Via Olbia 15, I-00182 ROMA (Italujo).

Mi kaptas la okazon por danki la multajn membrojn de AREK, kiuj sendis al mi E-filatelaĵojn kaj informojn.

1) CORDOBA (Argentino): stampo okaze de la 17-a argentina Kongreso de Esperanto; teksto en hispana: Argentina/XVII CONGRESO / ARGENTINO / DE ESPERANTO/ 1-ABRIL - 1972/CORDOBA. Oblikva, kvinpinta stelo dividas la skribaĵon en du partojn;

2) PORTLAND (Usono): varbstampo por la 57-a Universala esperanto-kongreso, uzita ek de la 1-a de majo. Teksto en angla: U.S. POSTAL SERVICE 970 AM 1 MAY 1972 / PORTLAND WELCOMES/JULY 29 - AUG 5/ ESPERANTO CONGRESS. Rektangula maŝinstampo;

3) GYULA (Hungarujo): stampo okaze de la 10-a Somera esperanto Universitato. Bildo kaj ĝenerala prezentado kiel tiuj de antaŭaj jaroj. Teksto en hungara kaj esperanto: HUNGARIO + 10-a SOMERA ESPERANTO UNIVERSITATO + 10.NYARI ESZPERANTO EGYETEM GYULA 1972.VII.9

4) TORUŃ (Pollando): stampo uzita nur la 16-an de julio okaze dela 28-a Internacia Junulara Kongreso de TEJO; teksto en pola kaj esperanto: 28 ŚWIATOWY KONGRES MŁODZIEŻY ESPERANCKIEJ + TORUŃ 1

16 - 7 - 72 / 28-a U.K. de TEJO: TORUŃ - URBO DE KOPERNIK. Meze de la ronda stampo, bildo de Kopernik staranta kun terglobo en la mano. Oni rimarku, ke erare oni parolas en la teksto de la stampo pri "Universala Kongreso /U.K.", dum temis pri Internacia Junulara kongreso. Probable, la aŭtoro de la desegnaĵo mislegis IJK, kvazaŭ temus pri UK;

5) VÄSTERÅS (Svedujo): ronda stampo okaze dela Sveda Esperanto Kongreso. Teksto en esperanto: SVEDA ESPERANTO KONGRESO - VÄSTERÅS -21.5.72. Kvinpinta stelo el la mezo;

6) TAKAMATSU (Japanujo): ronda, ruĝkolora stampo (verŝajne nur apudstampo, ĉar sur la sama korespondaĵo aperas ankaŭ normala nigra datstampo) okaze de la Japana esperanto Kongreso. Teksto en japana kaj esperanto; ĉi lasta diras JAPANA ESPERANTO KONGRESO. En la mezo de la stampo, silueto geografia, verŝajne' pri la regiono, kie la kongreso disvolviĝis. En la ekzemplero, kiun mi posedas, aperas la dato 16.7.1972;

7) BUDAPEST (Hungarujo), stampo okaze de la Hungara Kulturfestivalo, uzita en la tagoj 17,18,19,21, 22 julio. Teksto en esperanto: ESPERANTO +++ BUDAPEST,1972.VII.17 +++HUNGARA/KULTUR-FESTIVALO/ BUDAPEST '72. Meze de la stampo, interne de ŝildo (emblemo de la festivalo), kvinpinta stelo kun litero E, torĉo, liro, teatra masko kaj malfermita libro;

8) BRAUNSCHWEIG (Federacia Respubliko Germanujo): ronda stampo uzita la 20-an de majo okaze de la 50-a Germana esperanto-kongreso. Teksto en esperanto: BRAUNSCHWEIG 1 - 50a Germana Esperanto Kongreso 19-22.5.72/ 33/dato. Malhela leono kaj es-

perAN nto-stelo;

9) VIGO (Hispanujo): ronda stampo okaze de la 32-a hispana kongreso de esperanto. Teksto en hispana: VIGO + 32 CONGRESO DE ESPERANTO/ dato/tri ankroj. La stampo estis uzita inter la 20-a kaj la 24-a de julio;

10) KUOPIO (Finnlando): plurlinia stampo okaze de la 45-a Kongreso de SAT. Teksto en esperanto: KUOPIO/ 23.7.1972/SAT/45-A ESPERANTO-/KONGRESO. Kvinpinta stelo kaj turo (emblemo de la urbo);

11) ABALIGET (Hungarujo): stampo okaze de la 5-a internacia renkontiĝo de naturamikoj. Teksto en esperanto: 5a INTERNACIA RENKONTIĜO NATURAMIKA / IREN/ ABALIGET/1972.VII.14. Malhela kvinpinta stelo, du floroj, montoj, du manoj sinpremantaj;

12) GDAŃSK (Pollando) : ronda, grandformata stampo okaze de la postkongreso de TEJO: teksto en pola kaj esperanto: MIĘDZYNARODOWE SEMINARIUM + BAŁTIK MORZEM POKOJU + BALTA MARO - MARO DE PACO/ GDAŃSK 1/25.7.72. Kolombino fluganta super mar-ondoj;

13) PORTLAND (Usono) : memoriga stampo okaze de la 57-a Universala Kongreso de esperanto. Maŝinstampo. Teksto en angla: INTERNATIONAL ESPERANTO CONG. STA. PORTLAND, OR/ dato. Mi posedas ekzemplerojn kun dato inter 31.7 kaj 5.8;

14) SOPOT (Pollando): apudstampo, ovala, sen nuligpovo, okaze de la 60-a datreveno de la unua esperanto-stampo. Teksto en pola kaj esperanto: 60-LECIE WYDANIA PIERWSZEGO W ŚWIECIE + DATOWNIKA ESPERANCKIEGO/ 60-a DATREVENO/DE ELDONO DE/ LA UNUA ESPE+/RANTA POŜT-/STAMPO EN LA/MONDO. Reproduktaĵo, en la sub-maldekstra par

to de la stampo, de la unua esperanto-poŝtstampo en Krakovo, okaze de la Universala Kongreso de 1912-a (en tiu eopo, Krakovo troviĝis sub aŭstra regado). En la suba parto de la nuna stampo estas la indiko SOPOT (sen numero de poŝtoficejo) 12.VIII.1972. Laŭ informoj ricevitaj el Pollando, temus pri oficiala poŝtstampo, kvankam sen nuligpovo. Origine, eĉ, oni estis pretigintaj ĝin kiel nuligstampon, sed poste la Pola Poŝtministerio ne donis la permeson, ĉar ĉi-jare oni jam multfoje uzis esperanto-stampojn en la Triurbo (Sopot/Gdańsk.Gdynia); tiel, lastmomente oni forskrapis la numeron "1" de la poŝtoficejo, kaj oni uzis ĝin kiel apudstampon. Persone, tamen, mi ŝatus ricevi pliajn konfirmojn pri la efektiva poŝteco de ĉi tiu stampo;

15) SOPOT 1 (Pollando): stampo okaze de la 12-a internacia festivalo de kanzono. Teksto en pola kaj esperanto: XIIa INTERNACIA/ FESTIVALO/ DE KANZONO/ XII MIĘDZYNARODOWY/ FESTIWAL/ PIOSE?KI/ SOPOT 1 23.08.72. Muziknotoj, terglobo kun delfeno.

Antonio DE SALVO, Roma, Italujo

ANONCOJ

S-ro Evaristo GIL, apartado 875, Barcelona, Hispanujo, interŝanĝas diversajn esperantaĵojn kontraŭ poŝtaj stampoj pri la temoj Esperanto/Aŭtomobiloj/Muziko.

S-ro Stanisław BIESIADA, P;O.Box 44, CZĘSTOchowa 1, Pollando, posedas por interŝanĝo la stampon Kraków 1912 (unua en la mondo); interŝanĝe li bezonas Bern 1913 aŭ Paris 1914.

# LA PORTLANDAJ E-FILATELAĴOJ

La afero pri la portlandaj kongresstampoj estas preskaŭ komika. La Portlandanoj sciis nenion pri filatelaj aferoj, kaj kiam ili petis la poŝtan administracion pri speciala poŝtmarko, ili anoncis tion al la publiko. Tamen, ĉiu usona filatelisto scias, ke la poŝto nur permesas specialajn poŝtmarkojn pro historiaj aŭ naciaj okazoj, kaj neniam konsideros markon pro privata kongreso. Eĉ specialaj poŝtstampoj estas regulitaj sammaniere. Estas pli facile aranĝi por varbstampo, sed kutime poŝtstampoj uzataj dum kunvenoj ktp nur estas permesataj por filatelaj ekspozicioj aŭ kunvenoj!

Tial ni sukcesis pri la varbstampo, kiu estis en uzo en Portland depost la 1-a de majo (kaj ĝi estis uzita ankaŭ por poŝtaj celoj, ne nur filateliaj: mi mem ricevis korespondaĵojn el Portland kun tiu stampo - N.D.R.), sed speciala stampo dum la kongreso por la kongresa poŝtoficejo estis unue rifuzita. Intertempe ni denove petis ĝin, kaj tiu stampo estis fine permesita! (ankaŭ ĝi estis uzita poŝte, sur korespondaĵoj efektive vojaĝintaj - N.D.R.).

La afero estis tiel stranga, ke la poŝta administracio en Vaŝingtono skribis leteron al Portland, en kiu ĝi rifuzis la varbstampon, kaj samtempe la Portlanda Poŝtoficejo informis, ke la varbstampilo ĵus alvenis! Do, granda konfuzo.

Werner SIMON, Memphis,Usono

# EL LETERO DE KORESPONDANTO

"Ĉe la Portlanda kongresejo estis oficiala stampilo por nuligi la poŝtmarkojn: ĝi estis nur kaŭĉuka stampilo, kiun oni uzis permane. Sed en la ĉefa poŝtoficejo oni ankaŭ uzis maŝinstampilon por nuligi la poŝtmarkojn de la tuta urba poŝto"

Paul J. MIMLITSCH, Marlton, Usono

## NOVAJ GLUMARKOJ 1972

Lastatempe aperis jenaj E-glumarkoj:

1972 14-a Barcelono-provinca esperanto-renkontiĝo en RIELLS DE FAY (Hispanujo), 18.6.1972. 47 x 34. 4 folietoj kun po 6 diversbildaj markoj, dent., gum.:

a) verda preso, blanka papero
b) ruĝa preso, blnaka papero
c) blua preso, blanka papero
ĉ) violruĝa preso, flava papero

1972 32-a Hispana Esperanto Kongreso en VIGO (Hispanujo), 20-25.7.1972. 28 x 42. 3 ankroj. Plurkolora. Dent., gum. (aperis ankaŭ sambilda speciala poŝtkarto - N.D.R.)

1972 1-a Filatela Ekspozicio, BUDAPEST (Hungarujo), 24.11-3.12.1972. 41 x 63. Helverda kaj ruĝa (arĝentbrila) kun bildoj de olimpikaj ringoj, ruĝkruco, Esperanto-stelo kaj aviadilo

1972 28-a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda (S.A.T.) en LAUSANNE (Svislando), 21-23.4. 1973. Verda kaj blua preso sur blanka papero. Esperanto-stelo, siluetoj de montoj, lago kun velboato. Dent., gum.

Alfred MAYER, Frankfurt/Main (GFR)
kaj Antonio DE SALVO, Roma, Italujo

## GLUMARKO-KOLEKTO VENDIĜAS

La posedanto intencas forvendi tre ampleksan kolekton de E-glumarkoj. Interesitoj bonvolu kontakti kun la peranto, s-ro Ivar PAULSSON, Algatan 3, S-171 33 SOLNA, Svedujo.

KOREKTOJ KAJ DETIALIGOJ POR LA "STAMP-KATALOGO DE AREK" DE RUDOLF BURMEISTER, GDR

AU 1 aldonu: as
BRA 20 ĝusta dato: 1960 10.3.
DG 2 aperas kun erara dato 4.7
FRA 25 aperas kun kapstara datstampo
FRA 33 ĝusta mezuro: 46x24
G 15 ĝusta dato: 16-25.6
HU 28 aperas ankaŭ en nigra, sed neoficiala!
IT 3 verda neoficiala
IT 12 ŝanĝu al: 12-1 jarciferoj: 58 ruĝa
12-2 jarciferoj: 1958 viola
12-3 jarciferoj: 1958 nigra
en 12-3 la datigo kun pli granda skribo
JU 4-1 uzita jam ek de dec. 1954
PO 7 forstreku: ms
PO 10 aldonu: as
PO 39-8 diametro: 39
SVE 11 16-18.5

Afrankstampoj:
A4-1 Dollbergen, kiel ĝisnuna A-4
A4-2 sama, sen kun oblikva aldono: Drucksache

Reko-etikedoj: nova ordigo!
C-1 Praha 1921 XIII U.K.
C-2 Haarlem
C-3 Darmstadt

Rudolf BURMEISTER, Karl-Marx-Stadt (GDR)

En venonta numero aperos la 1-a suplemento al la katalogo (jaro 1971), jam preta.

NOVA MEMBRO: ni bonvenigas novam membron n.51: s-ro Paul J. MIMLITSCH, 69 Blanchard Road, MARLTON N.J., Usono 08053 kol: E-pm, E-sta

## ĈU NOVA JUGOSLAVIA E-POŜTMARKO EN 1973?

En intervjuo publikigita en la jugoslavia E-revuo "La Suda Stelo" (n.2/1972), inĝ SAPONJIĈ, prezidanto de la organiza komitato de la venontjara Universala Esperanto Kongreso en Beograd, anoncis, interalie, ke oni "sukcesis interesiĝi la direkcion por eldonado de jugoslaviaj poŝtmarkoj, ke por la 58-a U.K. de esperanto en Beograd estu eldonita speciala poŝtmarko. La direkcio jam petis ideon por motivo por la poŝtmarko". Ni esperu bone!

Kun la okazo, mi memorigas, ke la jugoslavia ŝtatprezidento marŝalo Tito estos la protektanto de la U.K.- Marŝalo Tito estas esperantisto, ĉar li lernis la internacian lingvon jam antaŭ pli ol 40 jaroj, kaj krom tio li senĉese sekvas laborojn de la esperanto-movado (vidu "Heroldo de Esperanto"-n n.1181/1.7.1953 kaj n.1182/16/8/1953, "Esperanto"-n n.799-800/julio-aŭgusto 1972, kaj la cititan numeron de "La Suda Stelo").

Ankaŭ la multnombraj poŝtmarkoj rilatantaj al marŝalo Tito rajtas, do, eniri la kolektojn de E-filatelaĵoj!

Antonio DE SALVO, Roma, Italia

## NOVA-MALNOVA E-AFRANKOSTAMPO

E-afrankostampo estis uzita en OTTAWA, Kanado, en 1967, kaj ĝis nun ne estis trovita (mi posedas la solan ekzempleron, kiun oni ĝis nun retrovis). La stampo estis en uzo sur eble 3.000 kovertoj dum eble 6 monatoj; ĝi tekstas en esperanto: ESPERANTO INTERNACIA LINGVO - datstampo OTTAWA/17.V.67/P.B./248111/POSTAGE/pluraj folioj.

Werner SIMON, Memphis, Usono